15 APRILO 1908 Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) KVARA JARO. - N° 29

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**
Unu Jaro . . . . Sm. 1.20 | Helpabono. . . . Sm. 4.—
Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj austr = 1.80 kronoj Skand (proksimume).
Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)



## Internacia Organizaĵo Esperantista [1]

(II)

Ĝis nun nia movado konsistis ĉefe el *propagando* : oni diskonigis nian lingvon per diversspecaj rimedoj, paroladoj, gazetartikoloj, kursoj publikaj, k. a. Por tio oni fondis en ĉiuj landoj grupojn, societojn, lokajn organizaĵojn, kies ekskluziva celo estas la propagando de nia lingvo per la supre nomitaj manieroj. Tiuj lokaj organizaĵoj plej ofte kunligiĝis nacie pro diversaj praktikaj kaŭzoj, por pli trafa agado, por plifortigo de la unueco inter samlingvaj Esperantistoj. Dank' al tiuj necesaj organizaĵoj, Esperanto nun akiris tre ŝatindan nombron da adeptoj kaj aprobantoj. Venis nun la dua parto de la laboro, nome, la utiligo kaj uzo de tiu ilo, kiun disvastigas la lokaj aŭ naciaj propagandaj societoj. Ni ĝis nun rilatis kun la publiko, montrante la fasadon de nia konstruaĵo, sed al la enirantoj kaj al la dezirantoj eniri, ni devas montri la internan komforton de tiu konstruaĵo, la utilon, kiun ili ricevos, ĝin enirinte ; se ne, la enirintoj, trovinte nenion sufiĉe allogan por ilin teni, eliros kaj jam neniam revenos, kaj la dezirantoj eniri ne deflankiĝos de sia vojo por ĝin viziti. Tiu fenomeno estas sufiĉe konata de la plej multaj grupestroj por ke mi pri ĝi ne insistu. En la komenco regas fervoro kaj granda entuziasmo, la Esperantista fluo trakuras tutan urbon ; post la paso de kelkaj monatoj, la plej multaj entuziasmitoj tute malvarmiĝis, ĉar post la unua fervoro, ili per Esperanto ricevis neniun sufiĉe gravan profiton kaj neniun novan utilon ; tial mortas multaj bonaj semoj. Se al tiuj homoj venintaj al ni, ni povus prezenti difinitajn servojn, kiujn al ili donos nia lingvo, ili restus en niaj vicoj, instigite ne nur per la amo al nia ideo, sed per la ĉiutaga bezono. De tio rezultas la neceseco uzi Esperanton kaj krei per ĝi praktikajn aplikaĵojn, sed kiel por ĝin propagandi, estis necesa la kreo de specialaj organizaĵoj, kiuj metos iom da ordo kaj metodo en tiu propagando, tiel same por ĝin utiligi estis necesa la kreo de aliaj organoj, sen kiuj preciza agado estus neebla. Tial kreiĝis unuparte fakaj societoj, kiuj celas uzi Esperanton por sia propra speciala fako, aliparte Konsuloj, Esperanto-Oficejoj, k. a., kiuj celas liveri senperan utilecon al ĉiuj Esperantistoj. Sed ne sufiĉas, ke tiuj organoj ekzistas ; estas necese, ke ili vivu, interrilatiĝu unuj kun la aliaj, ke la publiko sciu, kie ili estas, kion ili faras. Ĉar ĉiu movado postulas organizaĵon, nia movado *internacia* pro la publiko al kiu ĝi sin turnas, postulas organizaĵon tiel same *internacian*. La sperto montris, ke estas neeble starigi konsularon laŭ unuforma plano, sen ia komuna organizaĵo, kiu fiksos la taskon de tiuj organoj kaj difinos la servojn, kiujn de ili rajtas postuli la publiko. Esperanto-Konsuloj kaj Oficejoj, esperantistaj vojaĝoj kaj hoteloj, dungado per Esperanto, jen estas tiom da necesegaj servoj, kiuj estas certe kreeblaj nur per internacia organizaĵo. Nuntempe, pri ĉiu el tiuj servoj laboras dise kaj nekonate unu de la alia aro da personoj, kiuj por tute sama celo foruzas fortojn, dediĉeblajn al aliaj taskoj se ĉiu el tiuj laborantoj havus difinitan mision kaj rilatus kun la laborantoj en la sama fako. Nuntempe, la Esperantistoj, spite sia nombro, estas ankoraŭ malfortaj. En ĉiuj oficialaj klopodoj por la ricevo de tia aŭ alia favoro, ili posedas nenian rajtigitan reprezentanton. Multajn ekzemplojn de tio montros la sekvo de niaj artikoloj. Ni citu nur unu : ni supozu, ekzemple, ke oni deziras skribi Esperante la avizojn en la vagonaroj. Por tio specialaj klopodoj estos necesaj ; se ekzistas nur privataj homoj aŭ simple delegitoj de iaj malfortaj organizaĵoj, la aŭtoritateco de la Esperantistoj estos multe pli malgranda ol tiu, kiun havus reprezentantaro de la organizita Esperantistaro, kiu povus paroli en ĝia nomo kaj certigi kion interŝanĝe donos la Esperantista organizaĵo (ekzemple, la Esperantista Organizaĵo povos organizi opajn vojaĝojn, diskonigi en siaj Esperanto-Oficejoj la horlibrojn, gvidilojn, prospektojn de la fervoja kompanio, k. t. p.). Oni ne povas diri, ke por tio sufiĉas la naciaj societoj. Krom tio, ke tiuj societoj estas pure propagandaj, ekzistas tre grava malhelpo pro tio, ke la nomitaj societoj konigas nur en sia propra lando la rezultatojn de sia agado. Jen ekzemplo, kiun ni ne mem elpensas, sed ĉerpas el la realaĵo : iu nacia societo laŭdinde klopodis por enkonduki Esperanton ĉe la hotelistojn de sia lando ; bedaŭrinde, ĉar avizo pri tio aperis nur en la organo de la nacia societo, scias pri tiu iniciato nur la enlanduloj, tio estas ĝuste la personoj, por kiuj Esperantistaj hoteloj tute ne havas utilecon. Ni ripetu, ke nenia klopodo havas praktikan valoron, se ĝi ne estas internacie farata, kaj ĉiu pure nacia iniciato de peresperanta servo, eĉ bonega, estas kondamnata al frua morto, se ĝi ne estas imitata en aliaj landoj samtempe. La naciaj societoj celas disvastigi Esperanton per la nacia lingvo, sed ne krei per ĝi praktikajn aplikaĵojn, ĉar tiuj aplikaĵoj estas ĉiam *internaciaj* kaj sekve devas esti kondukataj de internacia aŭtoritato, kiu povos doni garantiojn pri la internacieco kaj tuja uzebleco de la afero entreprenita.

Fine, estas necese, ke oni sciu tre precize, kiuj personoj en difinita fako kaj en difinitaj urboj, povas utili al la publiko. Al ĝi ni ĝis nun diris : lernu Esperanton, ĉar vi partoprenos en granda ideo, ĉar Esperanto estas lingvo mirinda, sed kiam al ĝi ni povos diri : lernu Esperanton, ĉar ĝi donos al vi tute certe tiujn difinitajn servojn, ĉar en tiuj urboj vi trovos difinitajn personojn, kiuj vi povos rilatiĝi por viaj aferoj, tiam ĝi venos al ni multe pli certe kaj konfide, ĉar ni prezentos nedubeblajn realaĵojn. Por krei ĉi tiujn servojn, ni posedis ĉiujn elementojn, sed ili estis disaj, sen precizaj rilatoj unu kun la alia ; nur internacia organizaĵo iom post iom forigos tiun mankon de unueco kaj kunagado. Kiam ni klarigos la funkciadon de la fondata asocio, ni montros kiamaniere tiuj elementoj estas de nun utiligeblaj. Ni nur konkludu per tio, ke nia organizaĵo celas la *organizon de internaciaj servoj per Esperanto.*

⁂

El tio supre dirita, sekvas, ke, ĉar ĝia celo estas alia, la nomita organizaĵo neniel anstataŭos aŭ forigos iun el la ekzistantaj organoj. Ni ne volas malkonstrui por rekonstrui ion novan, laŭ la metodo ŝatata de la plibonigistoj, sed nur, flanke de la ekzistantaj, konstrui novan organon, kiu ĝis nun mankis kaj fariĝas nun tre necesa pro la evolucio de nia movado sur la kampo praktika. Tio klarigas kial, por la realigo de sia programo, la iniciatintoj de la aludita organizaĵo ne turnis sin al la naciaj societoj, kiuj havas malsaman celon. La organizaĵo, por kiu ni laboras, neniel celas unuigi la naciajn societojn, kiel iuj erare kredis, nek sin trudi kiel leĝodonanta aŭtoritato por la tuta Esperantistaro. En ĝi aniĝos nur tiuj samideanoj, kiuj aprobas nian programon kaj volas kune laboradi por ĝia efektivigo. Konsekvence, la demando, ĉu la Esperantistoj devos submetiĝi al ĝi aŭ ne, signifas absolute nenion, ĉar la personoj, kiuj staras ekster ĝi societo nek submetiĝas nek malsubmetiĝas al ĝiaj decidoj, kiuj ilin ne koncernas. Ni simple nin turnis al la grupoj Esperantistaj, kiuj reprezentas la unuan gradon de nia nuna organaro, por ke ili konigu nian alvokon al la Esperantistoj de sia loko, kiuj deziras uzi Esperanton, kaj por ke, elektante delegitojn por la organizaĵo, ili povu partopreni en ĝia kreado, kaj, de la komenco, konvinkiĝi pri la taŭgeco de la servoj starigotaj de ĝi.

Per la proksima artikolo, ni ekzamenos la funkciadon de la nova Esperantista organizaĵo.

(*Daŭrigota*). H. HODLER.

[1] Vidu « ESPERANTO » n° 28.

# TRA LA MONDO

## DANUJO

Kopenhago, Aprilo 1908.

La dana financa krizo nun daŭras duonan jaron, sed la pleja malboneco estas tamen apenaŭ subigata. Antaŭ ol paŭzi ĉe la nuntempo aŭ komentarii pri la estonto, ni kun malmultaj vortoj volas rememorigi pri la kaŭzoj de la nuna mizero. La konjektoj de la internacia komerco, kiuj dum 1907 kun la plialtiĝantaj prezoj de la komercaj grade vastiĝis kaj amasiĝis kun la amerikana krizo lastan aŭtunon, sendube ne estis sen influo sur la skandinavaj financoj, kaj ĝi frapis tie ĉi tre severe, ĉar la situacio jam estis serioza. En Kopenhago la kaŭzo de la malfeliĉo estis ĉefe la trograndigita konstruo, kiu de kelkaj jaroj okazis. Tiu ĉi konstruo povis daŭrigi, ĉar la konstruestroj povis ricevi tiel facile grandajn kreditojn en la tiel nomataj « malgrandaj bankoj », kiel oni nomas ilin, ĉar ili iam estis malgrandaj ; sed ili tre pligrandigis siajn kapitalojn — kelkaj bankoj tiamaniere dum unu kaj duona jaro sepobligis siajn kapitalojn — por havigi monon por la konstruestroj. La « konstruestraj pruntoj » estis nome tre rekompencataj aferoj, sed la bankoj ŝajne forgesis ke la profito nur ekzistis sur la papero. — La arĥitekturistoj daŭrige spekulaciis, kaj nune estas en Kopenhago domoj aŭ konstrufundoj por loĝantaro duobla je la nuna, per tio vastaj sumoj estas fiksaj. Iom post iom plimultiĝis la ŝuldo al la eksterlando kun la pli granda parto de unu milmiliono da frankoj, parte okaze de dirita konstrueco, parte okaze de la malfavoraj komercaj bilancoj de la lastaj jaroj, kiuj elmontris jaran enportpliaĵon da ĉirkaŭ 250,000,000 da frankoj. Tio ĉi ja ne estas tiel terura, sed ĝi tamen malrekte kaŭzis, kiel poste estos montrata, la komencon de la fatala « banka krizo ».

Kaŭze propono, lastan someron, de nova imposta leĝo, kiu tre malfaciligus la grandan enporton de francaj vinoj, la francaj financistoj, laŭ ordono de sia eksterlanda ministrejo reprenis grandan parton de la grandegaj sumoj, kiujn Danujo prunte prenis en Francujo ; ekzemple, danaj komercistoj havis blankakreditojn en la parizaj bankoj sume ĉirkaŭ 150 milionoj da frankoj. Kontantoj estis antaŭe tre ŝparemaj en Danujo, — triono de la orrestaĵo de la nacia banko jam estis foririnta al Anglujo dum la orsendo al U. S. A. — kaj tiom da akcioj de la Kopenhaga *Grundejerbank* sume ĉirkaŭ sepmilion frankoj estis redonataj al la dirita banko, ĝi ne povis pagi tian ĉi en la cirkonstancoj grandan sumon. Ĝi tiel devis bankroti. La ŝparantoj en la aliaj bankoj faris « run ». Kvankam la ŝtato kun la kvin plej grandaj bankoj — ja malfrue certe — garantiis tridekmilion frankojn al la ŝparantoj de la bankrota G-bank kaj la minacata Detailhandlerbank, la du diritaj bankoj devis veni al juĝo. Dum bonaj tempoj ĉio estas bona, dum malbonaj ĉio malbona, kaj laŭ tiu ĉi frazo la likvidanta komitato ankaŭ devis fari la bilancon, kun la rezultato ke ekzemple la D-bank perdis sian akcikapitalon, siajn rezervojn, kaj krom tio eble kvin-sek milionojn. Du tagojn antaŭ la bankroto la akcioj estis citataj super cent ! La malĝojo estas unue, ke ĉefe la neriĉuloj procentdonis la ŝparaĵojn en tiuj ĉi bankakcioj, kaj due ke tre multaj konstruestroj kaj poste iliaj liverantoj necese estos ne pagataj, speciale post la junia templimo. Krom tio la nekonfido de la publiko ankaŭ al la bonegaj bankoj ankaŭ estas afero konsiderema, sed ĝi reiros kun la plibonigeco de la tempoj, kiu certe kiel la printempo post la vintro venos. Nur venos ĝi eble tre malfrue tie ĉi. Samamaniere kiel la printempo de niaj nordaj landoj.

Ad. B. H.

## USONO

Seattle, Aprilo 1908.

Jam la politika poto usona komencas boli. Tiun ĉi jaron elektiĝos prezidanto, multaj guberniestroj, kongresanoj kaj granda aro da aliaj oficistoj. Ĉiuj partioj havos kunvenojn ĉe kiuj oni nomos kandidatojn, kaj dum la periodo antaŭ la elekttago en novembro bruados senĉese granda batalado inter la partioj - pli ŝajna ol reala. La ĉiutagaj ĵurnaloj enhavas preskaŭ nenion krom paroladoj de la kandidatoj, iliaj movoj, sannovaĵoj, bildoj, mensogoj pri kontraŭuloj, malplej al ĉio neportanta la markon de siaj propraj partioj, k. t. p., k. t. p. Ĉiu partio baldaŭ havos kunvenojn, la *Republicans* kaj *Socialists* ĉe Chicago kaj *Democrats* ĉe Denver. La prezidantelektoj en Usono ĉiam altiras multe da atento, kaj la proksima havas apartan signifon, ĉar kredeble ĝi vidos la enkondukon de tute novaj demandoj en la politikan diskutejon. La malnovaj demandoj, kiuj de longe servadis, jam perdis sian povon vekigi intereson kaj entuziasmon, kaj multaj kiuj kutime balotis por unu el la grandaj partioj, sin okupas pri studo de la nuntempaj aferoj kaj diras kiel la fama sinjoro de Missouri-ŝtato, — « vi devos montri al mi ! » La partio *republican* naskiĝis nur kelkajn jarojn antaŭ la interna milito de 1861-5, kaj ĝia celo estis limigi la sklavteritorion de Usono. La milito, kondukita de tiu partio kontraŭ la ribelaj sudŝtatoj, liberigis milionojn da nigraj sklavoj kaj teorie la laboro de tiu partio finiĝis per la konkludo de la milito. Tamen ĝi sukcesis konservi kontrolon de la nacio ĝisnune, esceptinte okjaran *Democratic* regadon. Komprenebie la *Republicans* devis elpensi novajn batalcelojn kaj de tempo al tempo proponis « protection », (alta limimposto), « gold standard », (ora monbazo) « expension », (teritoria pligrandiĝo) kaj en la lasta tempo laŭte krias kontraŭ la trustoj. Estas tamen fakto, ke la milito naskis multajn grandajn korporaciojn kiuj tuj kaptis la kontrolantan partion kaj de tiam tiu partio reprezentis nur ĝiajn mastrojn. Tion profetis la plej saĝa politikisto, kiun Usono iam produktis : Abraham Lincoln, nia glora prezidinto, kies vortojn nuntempe citas nur la partio socialista. La *Democrats* ĉiam protestas reprezenti la ordinarajn popolojn, defendas diversajn teoriojn laŭnecese, sed en la nuna tempo se ili iel diferencas de la *Republicans* neniu konas kiel. Ambaŭ laŭte proklamas sian fidindecon, honestecon, zorgemon por la interesoj de la kapitalo kaj laboro, malbenas la trustojn kaj laŭdas siajn kandidatojn. La socialistoj proponas al la laborista klaso la programon bone konatan ĉie en la mondo, kaj ŝajnas nun kvazaŭ tiu partio, pro la paniko,

senĉese malboniĝantaj vivkondiĉoj, kaj aparte la jusaj decidoj de la Supera Kortumo kontraŭ la metiaj unuiĝoj, ricevos grandan antaŭenpuŝon. Tamen ne por tiu estas ia ŝanco gajni la kontrolon, kvankam verŝajne kelkaj socialistaj kandidatoj elektiĝos al kongreso. Car ambaŭ grandaj partioj apartenas al la kapitalistoj, kaj efektivigos neniajn ŝanĝojn en la leĝoj nek iajn reformojn rimarkindajn, la ĉefa intereso de la venonta batalo sin trovas ĉe la kandidatoj. La *Republicans* kredeble nomos Roosevelt'on, se li konsentos, sed se ne, Taft'on, la nuna milita sekretario. Taft jam komencis peni havigi al si la kandidatecon, kaj la socialistoj tre esperas ke li sukcesos, ĉar en la tuta *Republican* partio, verdire ne estas eble trovi iun alian tiel fervore malamatan de la labara klaso kiel li. Ce parolado en New-York kiun Taft antaŭ ne longe faris, socialisto proponis al li la jenan demandon : « Kion devus fari, en industria paniko, malsatega laboristo kiu ne povas trovi laboron ? » Taft longe ŝanceliĝis, forviŝis la ŝviton de la frunto kaj fine respondis dum la aŭdantaro senspire silentis : « Dio scias ! ». Car multege da laboristoj nun sin trovas en tiu terure pozicio, multaj el ili estas pretaj aŭskulti iun kiu efektive havas kuracilon atentindan por la nunaj malbonajoj. La plej ebla nomoto de la *Democrats* estas S-ro William J. Bryan, jam dufoja venkita kandidato de tiu partio, kiu jam ne havas estradon, principojn aŭ taŭgajn kandidatojn. La plej verŝajna nomota de la socialista partio, kies kunveno baldaŭ okazos, estas S-ro W. D. Haywood, la sekretario de la *Western Federation of Miners*, kies aresto kaj juĝo ĉe Boise, Idaho, pro kulpiĝo pri la mortigo de eksguberniestro Steunenberg altiris la atenton de la tuta mondo. Oni senkulpigis S-ron Hayvood, kaj post tio li vizitis multajn urbojn, liverante paroladojn kaj vekigis ĉiuloke la plej grandan entuziasmon. Car S-ro Hayvood estas unu el la plej eminentaj kaj amataj estroj de la laboristaj organizacioj usonaj, ankaŭ bone konata socialisto, fama parolisto kaj saĝa administristo, estas nediskuteble ke li altiros multajn balotojn el la du kapitalistaj partioj. La *Prohibitionists* (kontraŭalkoholuloj) kredeble nomos kandidaton, sed kiel kutime li ricevos nur kelkmilon da balotoj.

Dume la paniko daŭras ; kondiĉoj ĉe la grandaj urboj kaj fakte ĉie estas teruraj. Paniktempoj usonaj estas ĉiam malbonaj por la kontrolanta partio, kaj la jena elĉerpajo el la *Washington Post*, unu el la plej influaj jurnaloj republican'aj en Usono, datumita marto sesan, estas sufiĉe sugesta :

« Nova viciĝo jam aperas, sed neniu klare vidas, kia ĝi estas. Cio estas ĥaoso. La sola certajo estas, ke la socialistoj jam iĝas potenca faktoro kaj neniu povas imagi tion kio estos skribita sur la paĝoj de nia politika estonteco dum la sekvonta dekjaro. La nura fakto kiun, ni konas, estas, ke la malnovaj partioj estas mortantaj ! »

Charles-E. RANDALL.

## Kroniko Politika

Pro sento al kunfrateco, ni devas unue citi la strikon de la Germanaj jurnalistoj ĉe la Rejĥstagaj kunvenoj, sekve de malagrablaj vortoj al ili direktitaj de katolika deputato. Tiu neordinara striko daŭrinte kelkajn tagojn, dum kiuj la elokventeco de la leĝofarantoj restis tute sen eĥo, finiĝis per interkonsento. Tuj poste, ĉe la Germana Rejĥstago, la leĝo pri rajto de kunvenado elvokis fervorajn diskutojn. La ĉefa paragrafo de la nomita leĝo, rilata al la Germana lingvo, estis direktita ĉefe kontraŭ la Poloj. Malgraŭ energia kontraŭstaro de la katolika centrumo kaj de la socialistoj, la leĝo, kiun kelkaj nomas tute malliberala, estis akceptita per malgranda plimulto. Tio estas nova venko de la kunligo konservativa-liberala, sur kiu sin apogas nun kanceliero von Bülov.

En Britujo, la jam antaŭvidita eksiĝo de ĉefministro Campbell-Bannerman, pro malsano, fariĝis oficiala Je tiu okazo, ĉiuj gazetoj konservativaj aŭ liberalaj laŭdis la vivadon de la eksiĝinto kaj honoris al lia karaktero. La ĉefo de la ministraro estos nun S-ro Asquith, kiu antaŭ si havas malfacilan taskon, ĉar la liberala partio ne estas plene unuigita, pro la diverseco de la elementoj, el kiuj ĝi konsistas, kaj pri la sintenado kontraŭ la ekstrem-maldekstrumaj partioj.

En Francujo la financaj katastrofoj dum kelka tempo forigis la atenton el la kampo parlamenta. La komunumaj balotoj baldaŭ okazos kaj la batalado jam komenciĝis. En jusa diskutado pri sia ĝenerala politiko, la registaro ricevis grandan favoran plimulton, kiu permesos al ĝi elteni ankoraŭ kelkan tempon sen grava malhelpajo, sed la promesitaj reformoj estas ankoraŭ prokrastataj.

Italujo ricevis, en Venecio, la viziton de la Germana imperiestra familio, sen politika celo, oni diris. Tuj, post la brilaj festoj kiujn okazigis tiu soleno, okazis en Romo, sangaj tumultoj inter laboristoj kaj policanoj La ĝenerala striko estis deklarita, sed preskaŭ tuj finita.

Ankaŭ fluis sango en Lisabono okaze de la balotoj por la Portugala parlamento, sed la tumultoj ne havis revolucian signifon. En la balotoj, la respublikanoj ricevis kelkajn sukcesojn, sed en sia plej granda parto la regnanaro restis fidela al la monarkia instituciaro.

Dum en Makedonujo, la Rusa resistaro sin okupas pri la efektivigo de reformoj, ĝi en Finlando jus forpermesis la nacian deputataron, kiu konsistis el plimulto ekstrem-maldekstruma. Oni timas, ke la registaro uzos la okazon, por provi la limigon de la libereco politika, kiun sukcesis rericevi la Finlandanoj.

L. R.

## La Faktoj

18 *Marto*. — *Massa*. — Mortis senatano Giorgini, bofilo de Aleksandro Manzoni.

*Peterburgo*. — Duelo inter generaloj Smirnov kaj Fock.

19. *Ekaterinoslav* — Eksdeputato Karavaief estas inside mortigita de la anoj de Nigraj Bandoj.

*Konstantinoplo*. — Mortis la angla ambasadoro Sir O'Conor.

*Berlino*. — Striko de la jurnalistoj, kiuj rifuzas raporti pri la Rejĥstagaj kunvenoj.

20. *Canton*. — Manifestado de 50,000 personoj por protesti kontraŭ la kontrabando de la japana vaporŝipo Katsumaru.

21. *Parizo*. — Nova sukcesa eksperimento de la aeroplano Farman.

*Svisujo* — La nova civila kodo estas enkondukita.

*Bakuo*. — Eksplodo de la naftoputoj.

*Peterburgo* — Generalo Stoessel estas malliberigita.

22. *Madrido*. — Memmortigo de generalo Borero.

*Derna* (Tripolo). — Itala misiisto estas inside mortigita de la Mahometanoj.

23. *Omsk* (Siberio). — Sofio Spiridonova, kiu atencis guberniestron Tambof, forkuras.

*Tokio*. — Pro ektuŝego vaporŝipo Matsumaru malflosiĝis ; cento da dronintoj.

*Parizo* — Bankisto Rochette bankrotis ; deficito da 40 milionoj da Sm.

24. *Berlino*. — Vojaĝo de la imperiestra familio al la Mediteranea maro.

*Romo*. — La Deputataro decidis la eksigon de Nasi.

*Cannes*. — Mortis Duko de Devonshire, angla ŝtatnomo.

25. *Venezio*. — La germana imperiestra familio estas oficiale akceptita.

27. *Parizo*. — Inaŭguro de busto al literaturisto Deschanel.

28. *Genovo*. — Inaŭguro de nacia katolika kongreso

*Vieno* — Renkontiĝo de ministroj von Bülow kaj Aerenthal

*Szatmar Nemeti* (Hungarujo). — Grava brulado ; malgajno da 200,000 Sm.

30. *Romo*. — La propono de Rusujo pri Makedonio estas akceptita de Italujo.

*Napolo*.— Mortas grafo Ludolf, diplomato itala.

*Vieno* — Interparolado de princo von Bülov kun imperiestro Francisko Jozefo.

*Venezio*. — Alveturis princo Nikolo de Montenegro.

*Addis-Abeda*. — Mortas Uolsensajek, kronheredonto de Abisenujo.

2 *Aprilo*. — *Luksenburgo*. — Granddukino de Luksemburgo estas alvokata al regado.

*Romo*. — Konflikto inter laboristoj kaj policanoj dum enterigo ; 3 mortintoj.

3 *Romo*. — Striko ĝenerala sekve de la hieraŭa konflikto.

A. TELLINI.

## Niaj enketoj

### La Juĝa organizado [1]

III.

(Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj)

Skotlando.

Kvankam en la plimulto da rilatoj, la Unuigita Reĝlando estas unuajo, tamen Skotlando ankoraŭ havas sian apartan leĝsistemon. Antaŭ ol 1707 Skotlando havis apartan parlamenton kaj kompreneble apartajn leĝojn. En tiu jaro okazis la unuiĝo de la parlamentoj de Anglolando kaj Skotlando, kaj la parlamento de la Unuigita Reĝlando de Granda Britujo kaj Irlando, kiu kunvenas en Westminster, London, faras leĝojn pri la tuta lando, kaj kelkfoje nur por Skotlando. En komencaj aferoj la leĝoj de la tri landoj, Anglolando, Skotlando kaj Irlando preskaŭ similas, sed en aliaj rilatoj troviĝas multe da malsameco. Ekzemple, la leĝoj pri edziĝeco, pri la rajtoj de posteuloj de mortintoj, pri bankroto estas malsamaj. La formoj de procesoj en Skotlando estas tute specialaj.

La *House of Lords* (ĉambro de la Lordoj) en Londono estas la plej alta juĝejo, al kiu oni povas apelacii de la decidoj de ĉiuj altaj juĝejoj en Anglolando, Skotlando kaj Irlando.

La *Court of Session* troviĝas en Edimburgo, la juĝejo ĉefurbo de Skotlando, kaj estas la ĉefa civila en Skotlando. Ĝi havas du sekciojn — la *Inner House* (interna ĉambro) kaj la *Outer House* (ekstera ĉambro). La ekstera ĉambro estas dividata laŭ kvin juĝejoj, en ĉiu el kiuj, sola juĝisto, nomita *Lord ordinary* (ordinara lordo) prezidas. La plendanta (*pursuer*) en proceso (*process*) povas elekti la juĝiston por sia proceso. La interna ĉambro estas dividita laŭ du sekcioj, en ĉiu el kiuj prezidanto kaj tri juĝistoj sidas. En la *First division* (unua dividiĝo) la prezidanto estas nomata la *Lord president* Li estas la ĉefjuĝisto en Skotlando. En la *Second division* (dua dividiĝo) la prezidando estas nomata la *Lord justice clerk*. La juĝistoj en la interna ĉambro precipe juĝas pri apelacioj de la decidoj de la juĝistoj en la ekstera ĉambro, kaj de la juĝistoj en la *Sheriff courts*. La juĝistoj de la *Court de session* havas juĝrajton kontraŭ eksterlanduloj kies havajojn en Skotlando la plendanto unue arestis per proceso (*juridisdictionis fundandae causa*).

*La Sheriff courts* (graflandaj juĝejoj) troviĝas en la ĉefaj urboj en la graflandoj. La juĝistoj estas nomataj *Sheriff* Tiuj juĝistoj zorgas precipe pri procesoj, pri ŝuldoj, lupago, k. t. p. Ciuj procesoj pri sumoj malpli ol 50 livroj (500 Sm.) devas komenci en la *Sheriff court*. Procesoj rilataj al edziĝstato ne estas kompetentaj en la *Sheriff court*.

La *Court of session* zorgas pri ĉiuj procesoj pri bienoj ; procesoj pri sumoj kiuj estas pli ol 50 livroj (500 Sm.) ; eksedziĝo ; k. a. La civila proceso antaŭ jurintaro okazas nur en procesoj por monpuno, pro rompita edziĝkontrakto aŭ pro difektiĝo al korpo aŭ reputacio.

Proceso por bankrotiĝo komencas aŭ en la *Court of session* aŭ *Sheriff court*, sed fine daŭras en tiu ĉi *Court*

Krimoj estas juĝataj kaj punataj de la *Sheriff* en la graflandoj, krom perfido al la Reĝo, mortigo kaj aliaj krimoj kiuj meritas pli ol de du jara enmalliberejo Por ĉi tiuj krimoj la kulpigitoj estas juĝataj en la *Higt Court of Insticiary*, en kiu la juĝistoj de la *Court of Session* prezidas kune kun jurintaro.

Malgrandaj krimoj estas juĝataj de Magistratoj en la urboj kaj de *Justices of the peace* (juĝistoj de la paco) en la graflandoj.

La ĉefaj juĝistoj kaj « *Sheriff* » *oj* estas preskaŭ ĉiam eksadvokatoj.

La leĝa profesio havas nur du branĉojn — advokatoj kiuj pledas ĉe la ĉefjuĝejoj, kaj solicitoroj (nomataj en Glasgow « writers », kaj en Aberdan « advocates », kiuj precipe zorgas pri klientaj aferoj en ĉambroj, preparas pledojn por advoĉatoj, kaj pledas en la *Sheriff court*. Solicitoroj povas agi kiel notario « attorney » kaj « procurator ». Ekzistas grava korporacio de solicitoroj nomita « writers to the Signet » — kies membroj estas nomitaj mallonge « W. S. ». La membroj de alia Societo estas nomitaj mallonge « S. S. C. » — (Solicitoroj antaŭ la superaj juĝejoj.)

Proceso pri firmoj estas persekutataj de publika oficisto nomata « Procurator Fiscal ».

W. M. PAGE,

*Vicprezidanto por Skotlando.*

1) Vidu ESPERANTO, Noj 25, 27.

## ESPERANTO

### Internacia Esperantista organizo

La jenaj grupoj elektis delegitojn por la Internacia Esperantista Organizajo, nun en fondado :

43. *Annecy* (Francujo). — S-ro P-ro Boucon.
44. *Madrid* (Hispanujo). — S-ro S. Fernandez y Martinez.
45. *Königsberg* (Germanujo). — S-ro D-ro K. Nitz.
46. *Châlon-s/-S.* (Francujo). — S-ro P. Gillet.
47. *Wien* (Aŭstrio). — S-ro F. Hartwich ; S-ro F. Schonka.
48. *Gratz* (Aŭstrio). — S-ro D-ro H. Moiser.
49. *Brno* (Aŭstrio). — S-ro A. Kroupa ; S-ro J. Dieterich.
50 *Hannover* (Germanujo).— S-ro D-ro Weigt ; S-ro P. Tarnow.
51. *Liverpool* (Anglujo). — S-ro D-ro Whitaker.
52. *Louhans* (Francujo). — S-ro J. Maublanc.
53. *Reims* (Francujo). — S-ro A. Duthil.
54. *Bukareŝto* (Rumanujo). — S-ro J. Negulescu ; S-ro J Giuglea.
55. *Bedford* (Anglujo). — S-ro E. Pointer.
56. *Auxerre* (Francujo). — S-ro L. Cestre.
57. *Budějovice* (Aŭstrio). — S-ro F. K. Svacina
58. *Frankfurt-a/-M.* (Germanujo). — S-ro C. Barthel.
59. *Bourges* (Francujo). — S-ro L. Segretinat.
60. *Amsterdam* (Holando). — S-ro W. Nutters ; S-ino J. C Weg.
61. *Basel* (Svisujo). — S-ro K. Rusterholz.
62. *Sumen* (Bulgarujo). — S-ro Silvestriev.
63 *S. Gravenhage* (Holando). — S-ro H. J. Bulthuis.
64. *Rotterdam* (Holando). — S-ro H. Stephan.
65. *Utrecht* (Holando). — S-ro H. R. Ollefen.
66 *Firenze* (Italujo). — S-ro A. Dattari ; S-ro U. Cicetti ; S-ro F. Giuletta.
67. *Praha* (Aŭstrio). — S-ro V. Kraus.
68. *Toulouse* (Francujo). — S-ro D-ro G. Chalot.
69. *Köln* (Germanujo). — S-ro M. Coblenzer.
70. *Seattle* (Usono). — S-ro A. H. Maskinnon.
71. *Worms* (Germanujo). — S-ro H. Pfaff.
72. *Dijon* (Francujo). — S-ro G. Héluin.
73. *Meaux* (Francujo). — S-ro R Gondailler.
74. *Rennes* (Francujo). — S-ro D-ro Cuisnier.
75. *Helsingborg* (Svedujo).— S-ro G. H. Backman.
76. *Sens* (Francujo). — S-ro R. Deshays.
77. *Palermo* (Italujo. — S-ro S. La Colla.
78. *Niort* (Francujo). — S-ro Wirth.
79. *Melitopol* (Rusujo). — S-ro F. A. Sĉavinski.
80. *Savigny les-Beaune* (Francujo). — F-ino U. Paquet.
81. *Rhos* (Britujo). — S-ro G. Meirion.
82. *Amiens* (Francujo). — S-ro Queste ; S-ro Searle
83. *Burgos* (Hispanujo). — S-ro Juliano Herrera.
84. *Roubaix* (Francujo). — S-ro Ch. Dorion.
85. *Nov-Sacz* (Galicio-Aŭstrujo). — S-ro A. Kotomyjski; S-ro Z Klemensiewicz.
86. *Firminy* (Francujo). — S-ro Laporte Maixent.
87. *Bern* (Svisujo) — S-ro J. Schmid.
88. *Genève* (Svisujo). — S-ro H. Hodler.

La 3a cirkulero, klariganta la estontajn detalojn de nia agado, kaj enhavanta la projekton de provizora regularo kaj la nomojn de la proponitaj komitatanoj, estas nun sendata al ĉiuj elektitaj delegitoj, kiuj estas petataj respondi kiel eble plej baldaŭ kaj nepre antaŭ la 30a de Aprilo. Tuj post la oficiala fondo de la projektata organizajo, la elektotaj komitatanoj komencos labori por la realigo de la diversaj servoj, kiujn devas starigi nia organizajo. De nun, ni publikigos en speciala loko de nia gazeto ĉiujn komunikajojn al la delegitoj kaj anoj, kaj ni insiste petas, ke ili bonvolu ĉiuduonmonate atente legi la diritan oficialan informilon.

Ni plezure akceptos ĉiun novan aliĝon de la esperantistaj organizajoj, kiuj aprobas nian celon kaj agadon. La grupoj kiuj deziras aliĝi, estas petataj sin turni al ni por ĉiuj informoj (cirkuleroj por elekto de delegitoj, voĉdoniloj, k. t. p.). Sed, oni bonvolu noti, ke nur la delegitoj, kiuj estos elektitaj antaŭ la 15a de Aprilo rajtos partopreni en la voĉdonado por la starigo de la provizora regularo kaj la elekto de la komitato. La delegitoj, kiuj estos elektataj post la supre dirita tempolimo, ricevos ĉiujn aperintajn dokumentojn pri la organizajo.

Kiel ni diris en nia No, ni sendos al ĉiu delegito la jus aperintan broŝuron pri *Konsutoj kaj Esperanto-Oficejoj*. Pro neantaŭvidita prokrasto en la presado, ni povos sendi la nomitan broŝuron nur en la fino de monato aprilo kune kun speciala klariga cirkulero pri tiuj institucioj. Ni petas, ke ĉiuj delegitoj bonvolu atente tralegi la broŝuron kaj klopodi de nun por starigi en sia urbo Esperanto-Konsulon kun Esperanto-Oficejo kaj dependantaj servoj, laŭ la plano montrita en la dirita eldonajo. Post la oficialigo de nia organizajo, la komitatano por la fako : *Esperanto-Konsuloj kaj Oficejoj* sendos pri tio specialan komunikajon al la delegitoj.

## MOVADO ESPERANTISTA

Notindajoj.

*Francujo :* Tre sukcesa kongreseto de la Burgoniaj Esperantistoj en Dijono la 22an de Marto ; la suburbestro oficiale ĉeestis — La Esperantistoj de Burgonia estas organizitaj en regiona federacio ; aliaj regionaj federacioj estas nun en fondado — La Calais'a grupo preparas ekskurson al Folkestone; ĉiuj samideanoj estas invitataj. — *Belgujo :* La 12a internacia kongreso de adeptoj de dimanĉa ripozo akceptis Esperanton kiel oficialan kongresan lingvon. — *Britujo :* Kongreso de irlandaj esperantistoj en Schanklin. Krom la Brita kongreso en Edinburgo, okazos en Buxton (15-18 Majo) interregiona kongreso (promenadoj, diservo, kunvenoj, teatrajoj). — *Holando :* Atentindaj progresoj en Amsterdam, Rotterdam, Haarlem. Oni klopodas por la fondo de eldonista firmo « Espero ». — *Rusujo :* Speciala Esperanto-librejo fondiĝis en Moskvo. En tiu urbo oni preparas novan esperantan gazeton. En diversaj lokoj de Polujo fondiĝis fervoraj esperantistaj rondoj. — *Kanado :* Ekzistas pli ol 15 grupoj esp. en tiu lando. — *Usono :* Oni preparas « Internacia Libraro », kolekto de l'famaj verkoj el la tuta mondo esperantigitaj.

Gazetaro.

Kun la printempo, aperas novaj gazetoj kaj folioj. La Roma grupo aperigis *Roma Esperantisto*, monata revueto, kies direktoro estas nia konata propagantisto L. Giambene. En Rumanujo, kie la movado esperantista komencas esti tre aktiva, eliris *Rumena Esperantisto*, monata organo de la tiea societo, en jurnala formato. Fine, medicina gazeto jus kreiĝis, sub titolo *Vocho de la Kuracistoj*. La iniciatinto de tiu interesa entrepreno estas S-ro D-ro Mikolajki (Galicio). — Nia Rusa konfrato *Ruslanda Esperantisto* aperas nun en la sama formato kiel nia gazeto ; speciala volumo estos dediĉata por literaturajoj. — *Helpa Lingvo* (Danujo) transformiĝis en *Dana Esperantisto*, pli dika kaj pli plena. Al ĉiuj ĉi novaj aŭ renovaj kunfratoj ni deziras la plej bonan sukceson.

La enkonduko de Esperanto en la internaciajn revuojn ekzistantajn havas tre gravan signifon por nia afero. Diversaj klopodoj estis entreprenitaj laŭ tiu direkto. La oficiala organo de la vastega asocio de *Christian Endeavour* (Kristana celado) estos de nun redaktita angle kaj esperante Por la Unioj de Kristanaj junuloj aperas Esperante redaktita folio, kies redaktoro estas S-ro Hübner (Mulheim). Tiuj rezultatoj estas sufiĉe facile riceveblaj, se oni atentigas la redaktorojn de la internaciaj organoj ke Esperanto ne forigos la aliajn lingvojn uzatajn kaj sekve neniun leganton, kaj se la Esperantistoj prenas sur sin la tradukon kaj korekton de la artikoloj kaj la reklamon por la nomitaj gazetoj.

## ESPERANTO PRAKTIKA

Turismo.

*Gastotabloj*. Ni plezure publikigos en nia gazeto la adresojn de la lokoj kie troviĝas Esperantistaj *gastotabloj* (vidu pri tiu ESPERANTO, No 27). Nie rememorigas, ke tiuj samideanaj kunventoj estas samtempe bona maniero ellerni la parolan uzadon de nia lingvo, agrabla kaj utila rendevuejo por la vojaĝantaj Esperantistoj.

*Tours* (Francujo). — Grand Café, 54, Rue Nationale (vendrede 8 h.).

*Manchester* (Anglujo). — Trafford Armi, Alderley Edge (merkrede)

*Parizo* (Francujo). — Café Soufflet, Boul. St-Michel (vendrede 10 h). Café de l'Univers, 159, rue St-Honore (merkrede 8 h. et demie).

Por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro F. Swagers, 61 Delin st. Anvers (Belgujo).

Esperantistaj vojaĝoj.

Jam oni organizas multajn vojaĝojn por la somera sezono. Por ke la projektoj ne restu ne konataj kaj deziroj plenumataj, estas tute necesa la alcentrigo de ĉiuj postuloj ĉe unu nura loko por la grupigo. Sed por la organiza laboro, la divido pli faciligos ĝin kaj trudas esperantistajn korespondadojn. Fine mi rekomendas la divi-

don de la arego, ĉar iliaj vojaĝoj ŝajnus okazaj faktoj, tro maloftaj por trudi al la hotelistoj alprenon de Esperanto. Kontraŭe, la aretoj estos multaj, vizitos multajn neesperantistigitajn urbojn kaj hotelojn, ili propagandos efike tra la tuta lando konigante ĉie nian lingvon, montrante ĝian praktikecon kaj tujuzeblecon kaj pruvante al hotelistoj la necesecon de la lernado de helpa lingvo.

Nova propono ricevita Malrapida piediro de Praha ĝis Dresden unu monaton antaŭ la 10e de Aŭgusto.

P. HOUSSAIS.

**Komerco.**

La jenaj firmoj uzas Esperanton :

*Zürich* (Svisujo). — J. Wyler, Schützeugasse 9 (tolaĵoj kaj kotonaĵoj) P. K.

*Oudewater* (Hollando). E. C. Langerak (fromaĝkomerco). P. K.

*Epernon* (Eure et Loir-Francujo) — Vilfroy et Cie (ledaj kaj festaj piedvestoj) P. K.

*Bern* (Svisujo). — Tobler, ĉokoladfabriko. K.

Oni bonvolu sendi al ni ĉiujn nomojn de tiaj firmoj.

**Teatro.**

Ni atentigas niajn legantojn al la grava cirkulero enmetita en nia gazeto rilate al la teatra entrepreno de S-ro Reicher dum la Dresdena kongreso. Estas dezirinde, ke ĉiuj helpu al la sukcesigo de tiu interesa prezentado, kiu en okazo de prospero estos refarata en aliaj germanaj kaj, laŭeble, fremdaj urboj. Por respondi diversajn demandintojn, ni informas, ke *ne* ĉiuj lokoj kostos 10 Sm, sed ĉar tia prezentado trudas gravajn elspezojn kaj aliparte ĝia okazo estos grava fakto por la bonsukceso de nia kongreso ĉiuj Esperantistoj devas ĝin subteni laŭ siaj fortoj. La netaj profitoj de la prezentado estos fordonataj al la Kongresa kaso.

## KORESPONDAĴOJ

**Tradukado**

Lyon'o, la 13an de Marto 1908

Tre estimata Direktoro,

Leginte en la « Revuo » la artikolon pri la « Dometoj por libertempo », mi skribis al la eldonisto, en Berlin, por lin peti, ke li alsendigu al mi la apartan kajeron en kiu li eldonigis la 61 skizojn de la premiitaj somerdometoj. Kompreneble, mi skribis Esperante. Sed, ho ve! malpli feliĉa ol unu el niaj Lyon'aj grupanoj, kiu, vojaĝante lastan someron en Laponlando, renkontis Esperantiston, mi, bedaŭrinde, trafis neesperantiston, kiu tamen tre akurate respondis *germane*, petante, ke mi bonvolu skribi « in anderer Sprachweise » ĉar li tute ne povis kompreni mian skribajon. Kaj rimarku, ke mi sentis min tre feliĉa ricevi ian ajn respondon, ĉar jam en aliaj okazoj oni tute ne respondis, kvankam mi estis atentiginta (esperante), ke onis povos tradukigi mian leteron en tiu aŭ alia. Konsulejo, tradukejo, k. t. p.

El tio mi kredeble povas konkludi, ke la adresitoj eĉ ne komprenas la frazon « *por traduko, sin turni al...* » Kaj mi kredas, ke estus necese skribi tiun frazon en la nacilingvo de la ricevonto.

Se vi same opinias, vi farus servon al la Esperantistaro elektante mem tre simplan kaj klaran frazeton por tiu celo, kaj ĝin tradukante en tiom da malsimilaj nacilingvoj, kiom ĝi estos al vi ebla.

Tiam, kiam ĉiu skribanto al alilandulo uzos tiun frazon en la nacia lingvo de la adresato, tiu ĉi ne havos plu ian ajn valoran senkulpigon, se li ne tradukigas la skribajon kaj ne respondas. Volu akcepti, t. t. p.

L. TOUCHEBEUF.

Sekve de tiu propono, ni petas niajn legantojn, ke ili bonvolu sendi al ni la tradukon en kiel eble plej multajn lingvojn de la frazo : *Por traduki sin turni al...*

*(Red.).*

**Pri Esperanta Gazetaro**

Le Creusot, Aprilo 1908.

En la no 27 de *Esperanto*, S-ro A. Fiŝer diras : « mi opinias, ke sendube ni bezonas ian ajn ununuran centran periodan presajon por kunigi ĉiujn sciigojn pri la tutmonda progresoj de nia afero, ĉi tio estas certe necesega. Tiaspeca eldonaĵo, elironta eble du-trifoje ĉiujare... »

Mi ankaŭ pensas ke estas necesege kunigi, en iu centra oficejo, ĉiujn propagandajn sciigojn ; ĉar nun, la sekretarioj de la grupoj estas petataj de la naciaj kaj internaciaj gazetoj kaj sendas la sciigojn pri ĝi al unuj aŭ aliaj ; aŭ eĉ por ke ĉiuj estu kontentaj, al neniu. Tial, la informoj disiĝas ; kaj iscios tute malfacile koni la internacian movadon.

Supozante ke ne-esperantista jurnalo petu de sindona samideano periodan kronikon pri la esperantista movado kie li povus trovi, en la nuna momento, sufiĉe novajn informojn ? Mi pensas ke li estus tre embarasita. Estas do necese ke tiaspecaj informoj estu kolektitaj en Oficejo kie oni povus certe ĝin trovi. Ili pensas kiel, S-ro Fiŝer, ke tiu ĉi Oficejo devus eldoni periodan folieton presitan aŭ pli bone litografiitan po malmulte da ekzempleroj precipe por la gazetoj aŭ eĉ por privatuloj kiuj volus aboni al ĝi. En tiu ĉi folieto, aperanta ne duonjare, sed preskaŭ ĉiusemajne. oni publikigos, tute aŭ parte, la ricevitajn leterojn pri propagandaj aferoj. Tiamaniere, la Esperantistero konus plibone la movadon de nia afero ; kaj la informoj ne estus aliigitaj pasante de revuo al revuo.

DEJEAN, (Creusot).

## ESPERANTO-SOCIETOJ

Kontraŭ jara helpabono da 4 Sm. ni enpresas sen plia pago ĉiujn oficialajn komunikojn de la grupoj, kluboj, societoj, k. t. p. esperantistaj. Tiuj komunikoj estu kiel eble plej mallongaj. Ni insistigas ĉiujn grupojn ke ili profitu tiujn speciale favorajn kondiĉojn kaj uzu nian gazeton kiel komunan perilon kaj interrilatigilon.

**Federacio de la grupoj esperantistaj Burgonjaj.** — La F. G. E. B., kreita en Julio 1907, por naski oftajn interrilatojn inter la Burgonjaj grupoj, sciigi la tremdulojn pri la nomaro de samideanoj liverontaj ĉiujn necesajn informojn k. t. p., nun *reale* ekzistas kaj enhavas 17 grupojn (730 aktivajn membrojn 73 voĉdonilojn).

La unua generala kunveno okazis en Dijono, la 22an de Marto, kaj ĉiuj grupoj send's unu aŭ plurajn delegitojn. Sro Boirac, Rektoro de la Dijona Universitato, estis elektata kiel Prezidanto. La grupo de Dijono estas « Centra grupo »

Unuanime la 17 grupoj decidis labori praktike, uzi « Esperanton » tian, kia ĝi estas, ne partoprenante al la mallaŭdindaj disputoj de la *Plibonigistoj* kaj de la *S F. P. E.* Aklame adreso de fideleco estis sendata al Zamenhof. Post klarigoj interesaj, la F. g. e. b, aprobis la estontan praktikan universalan Asocion nune organizatan en Genevo.

Festeno kun *cent* kunmanĝantoj permesis dum la deserto intersanĝi en Esperanto multnombrajn parolojn de amikeco kaj de unueco. Fine muzika literaturo prezentado aŭkoraŭfoje pruvis al pli ol du cent invititoj, kiom estas belsona, komprenebla, riĉa la Zamenhofa lingvo.

La F. G. E. B. esperas ke aliaj grupoj sekvos tiun ekzemplon, ne diskutos plu pri la longeco aŭ la larĝeco de « nia fosilo », kaj organizos novajn regionajn federaciojn pli utilajn, pli kunkonsenteblajn, pli kunveneblajn ol nacia societo.

(grupoj postulu la regularon al la sekretario : *D-ro Blanc, 10, Boul. de Sévigné,* DIJON.

## ESPERANTO-KONSULOJ

Kontraŭ jara helpabono da 4 Sm. ni enpresas sen plia pago ĉiujn oficialajn informojn de la Esperanto-Konsuloj (Kreo, organizo, specialaj servoj farataj de ili, k. c.) kaj la anoncojn de la personoj, kiuj petas la servojn de la Esp. Of. Ni instigas ĉiujn konsulojn, ke ili profitu tiujn favorajn kondiĉojn kaj uzu nian gazeton kiel komunan perilon kaj interrilatigilon.

OFICIALA INFORMILO

**Beaune** (Francujo). — Esperanto-Oficejo, place de la Halle, deziras aĉeti originalajn propagandajn P K. Sendi unu ekzempleron kun prezaro. Gi intersanĝas sian gvidfolieton Vendo de esperantistaj markoj. Adresoj kaj prezaroj de esperantistaj firmoj de bonaj vinoj. — *Konsulejo* : Piot, rue Carnot. — *Novaĵoj* : Bord-Esperanto, kanteto de Jadeau (0,30 centimoj po unu ekzempl.) ; La verda flago P K. (2 Sd. po unu).

**Falun** (Svedujo). — Esperanto-Oficejo, Kung Karls-Grand, 8, respondas ĉiajn petojn pri sciigoj pri la urbo kaj la bela provinco Dalarne, kaj estas ĉiam preta helpi la Esperantistojn, kiuj venas al nia urbo, kaj al la neesperantistoj senpage tradukis el Esperanto sveden kaj el sveda Esperanten.

**Châlons s/S.** (Francujo). — Esp.-Oficejo, ĉe F-ino Blanchard, Boul. de la République.

*Grava avizo.* — Por eviti ĉiun ajn konfuzon, la « Groupe Espérantiste de Châlon-sur-Saône », sciigas, ke ĝi havas nenion komunan kun nova grupo, nomita « Verda Stelo », kiu fondiĝis antaŭ ne longe en nia urbo. Gis nun, la « Groupe Espérantiste » estas en Chalon-s/-S. la sola aliĝinta al la F. G. B. E kaj akceptita de ĝi. Ni malakceptas ian ajn respondecon pri la « Gvidlibreto tra Chalon eldonita de Esperantistoj de Chalon-s/-Saone (1908) » pri la nomaro de la personoj al kiuj la trapasantaj geesperantistoj povas sin turni *La prezidanto,* Ch. JADEAU.

**Le Creusot** (Francujo). — Esperanto-Oficejo, 18, place Schneider, donas senpagan gvidfolion, vendas Esperantaĵojn (ilust. kartoj de la fabrikejoj Scheider). Mardon vespere ĉiusemajne, esp. kunvenoj ĉe kafejo Morrot, 26, rue d'Autun. La estraroj de la tutmondaj grupoj estas petataj bonvoli sendi ĉe la oficejo plej baldaŭ kiel eble, sian opinion pri la demando de « Referendumo » pritraktita en cirkulero sendita de la Creusot'a Grupo. Bonvolu peti tiun cirkuleron de nia oficejo se oni ne ĝin ricevis.

**Bradford** (Anglujo). — Konsulo : A. T. Priestman, 12, Exchange Building.

**Dover** (Anglujo). — Konsulo : J. M. Finey, Admirality House.

**Reims** (Francujo). — Esp.-Oficejo, 5 Place Royale (telefono 436), Chauvillon, Konsulo Liveras ĉiujn informojn parole kaj letere pri Reims kaj la regiono : turismo, komerco kaj esperantismo.

**St-Etienne** (Francujo). — *Sekcio komerca kaj industria de l'grupo Esperantista.* — Kelkaj sekcianoj intencante partopreni la teknikan vortfaradon por la fako teksado kaj rubando tre dezirus interrilatiĝi kun diverslandaj samfakanoj. Sin turni al *S-ro B. Peyraud, 41, rue de la Loire.*

**Moskvo** (Rusujo). — « Industria kaj komerca grupo Esperantista *Laboro* ». Poŝta kesto, 409. Prezidanto : A. Prager ; sekretario : N. Voronov ; bibliotekisto : N. Jigulenko.

**Bourg** (Francujo). — Oni bezonas instruiston por manlaboroj (prilaboro de fero kaj ligno) en la urba Carriatâ lernejo. Salajro de 400 ĝis 480 Sm. jare por dekseshora ĉiusemajna laboro. Plej taŭgas pensiita fervoja ŝipa eksmilitisto. Skribu al : *Esperanto-Oficejo, Bourg (Ain-Francujo), por S-ro urbestro.*

**Liverpool** (Anglujo). — La Esperanto-Oficejo translokiĝis en pli grandajn, belajn, oportunajn kaj centrajn ĉambrojn, ĉe la adreso : II Renshaw Str. Tie oni instruos Esperanton, stenografion, maŝinskribadon, francan lingvon, k t p , oni vendos Esperantaĵojn, librojn, jurnalojn, k. c., sed ĉefe nia oficejo estos vera Esperantejo. Samideanoj ĉiam estos bonvenaj. Tie la L'poola grupo kunvenos, kaj okazos la monataj amikaj festkunvenoj de la grupo.

**Genevo** (Svisujo). — La Genevaj grupoj organizas je la 16-17 Majo gravan regionan festotagon, al kiu ĉiuj Esperantistoj estas kore invitataj Programo provizora : 16 Majo, akcepta kunveno, teatra vesperfesto ; 17 Majo, generala kunsido, festena tagmanĝo, specialaj kunvenoj, promenado kun teo en la ĉirkaŭaĵo de Genevo. Festokarto (kun festeno) : 2 Sm ; festokartoj por edzino kaj infanoj 1,20 Sm. (maksimume 2). Oni sin enskribu de nun : *Esperanto-Oficejo, Genève.*

**Calais** (Francujo). — La Grupo Esp. de Calais organizas je 20 Majo sian 4an ekskurson ĉe Folkestone (Anglujo). Tiu informo estas plezure akceptota de ĉiuj gesamideanoj kiuj, ĉiam multaj, ĉiujare, kuniras kun niaj Calais'aj samideanoj, por viziti la belegan apudmaran Folkestone. La kosto de la bileto (ir-reiro) estas 2 90 Sm. (7,30 fr.). Por informoj, sin turni al S-ro A. Herreman, III Bd Lafayette (Calais).

**Brighton** (Anglujo). — Konsulo : J. Henry Vagg, respondas ĉiajn petojn pri sciigo pri la urbo Brighton kaj la ĉirkaŭaĵo : Preta, ĉiam, helpi alilandajn vizitantojn kiuj venas al Brighton. Liveras informojn parole kaj letere : Esperanto-oficejo, 69 Ship Street.

**Limoges.** — Mi petas ĉiujn konsulojn, oficejestrojn, prezidantojn aŭ sekretariojn de Grupoj, societoj, kaj ankaŭ ĉiujn aliajn esperantistojn en ĉiuj landoj, ke ili respondu la sekvantajn demandojn, sendante leteron al : « Esperanto-Oficejo » en Limoges (Francujo).

1. — Ĉu en via lando estas nepre necese, kiel en Francujo, posedi specialan diplomon por esti farmaciisto.
2. — Kiamaniere laboradas la farmaciistoj ? Ĉu ekzistas pri ili speciala leĝo ? kion ĝi diras, de kiam ĝi ekzistas ?
3. — Ĉu la farmaciisto devas mem prepari la receptojn ?
4. — Ĉu kiel en Francujo li devas havi diplomon kaj estis la posedanto de l'apoteko ?
5. — Ĉu ekzistas kunhelpaj apotekoj ?

Raportu pri iliaj funkciado kaj regularoj. Oni bonvolu aldoni ĉiujn pliajn sciigojn La Italoj estas petataj raporti pri la « Cooperativa Farmaceutica » kiuj ekzistas en multaj urboj ekz. en Milano.

L. LAMANT,
*sekretario de l' Oficejo en Limoges (Francujo).*

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

**Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj.** — La I. S. E. J. havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ jurlaborantojn en ĉia lando, eli la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn kun certeco trovi tie korespondanton, unuvorte unuigi la Esp. juristojn de ĉiuj landoj. La jara kotizaĵo kostas 1 Sm. ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E J. por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro Sergeant, 31, Bd Mariette, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

OFICIALA INFORMILO.

*Al francaj anoj.* — Sro Degon, vicprezidanto de l'I. S. E. J. por Francujo petas insiste la anojn, kiuj ne ankoraŭ pagis sian kotizaĵon por 1908, sendi ĝin al li kiel eble plej baldaŭ, kaj nepre antaŭ la 15a de Aprilo. Post tiu dato, ilin li kolektos poŝte, sed tiaokaze la poŝtelspezoj estos, kompreneble, pli grandaj.

*Vortaro.* — Per obligi la vortaran taskon, mi petas al niaj anoj, ke, laŭ la tre bona metodo de la S. O., ili bonvolu ĉerpi el niaj vortaroj, el tiu jurnalo, la novajn jurajn vortojn, kaj skribi ilin kun la nacia traduko. Oni sendu la laboron al S-ro Degon, 17, rue St-Eloi, Douai (Francujo).

*Novaj aliĝoj.* — *Aŭstralio* : P. Fervings George Str., Brisbane (Queensland). — *Belgujo* : Van Dieren, advokato, Louvain. — *Bulgarujo* : Didono, Sofia. — *Germanujo* : Otto Müller, Gartenstr., Ravensburg ; — Avon, 18, Schonstr. Königsberg. — *Italujo* : Raffaele Bagnulo, advokato, Largo Gesue-Maria, 4, Napoli. — *Francujo* : L. Demarcy, Beauvais.

**Esperantista Marista Ligo.**

*Franca Sekcio.* — Novaj aliĝoj : 33, Sro Combet, ŝipleŭtenanto. 34, Sro Menier, ŝipleŭtenanto.

# FELIETONO

„ **MAĈU VIAJN MANĜAĴOJN** "

DE

J.-H. ROSNY.

Supermezure mi estis ekaminta la ravan Ada Lamb, filinon de Ebenezer Lamb, de la firmo por feloj « Lamb, Lamb and Fletcher ». Tio estis vera frenezaĵo, ĥimero ; kiel malriĉa komercirprezentanto, kiu kun granda penado gajnis kvar mil spesmilojn ĉiujare, povis ekhavi pri tio eĉ atomon da espero ? Sed la amo estas forta kiel la morto, kaj tial pli forta ol firmo por feloj. Kun maltimego mi pasie avidis Ada la orumitulinon, Ada la milionulinon. Si tion ekvidis — sed la okazoj paroli kun ŝi estis tre maloftaj. Apenaŭ mi kuraĝis eldiri konfuze...

Tiun vesperon mi estis ŝia tablonajbaro ; ŝi nur respondis al mi : — « Maĉu viajn manĝaĵojn... ne engluti pecojn... panjo rigardas nin... »

Mireganta, mi maĉis, malrapide, mian kuniklajon. Mi vidis ke efektive la patrino de Ada insiste rigardis min. — « Ha ! pli bone, — murmuris la junulino, — antaŭe vi englutis ne mordante... Panjo ne pardonas tion... »

Kiam, post la likvoroj kaj la fumado, mi povis realiri al la junulino, mi provis ricevi klarigon ; ŝi ekridis. La demono de l'amo instis min, mi parolis, kiel mi plu neniam parolos dum mia vivo ; mi vidis ŝin emocita : — « Aŭskultu, — ŝi diris, — tio estas tre... tre malfacila... Paĉjo estas tiel malhumila... Sed se si volas aniĝi al la Asocio de la „ Maĉu viajn manĝaĵojn », panjo povos helpi al ni... precipe se vi scios zorgi vian prezenton... » — « Mi iros en la inferon, se necese ! » — « Nu ! aliru al la memoriga festmanĝo de la Societo... Vi ricevos inviton morgaŭ matene... Vi mem vidos kion vi devas fari !... »

Mi jus estis ŝin demandonta, kiam oni serĉis nin por la kvadrilo.

La morgaŭan tagon mi ricevis karton tiele redaktitan :

« Reboniga asocio de la „ Maĉu viajn manĝaĵojn ". Memoriga festmanĝo, la 7an de marto 1890, je la sepa horo, Helborn restoracio. Persona invito. »

Mi ja certe ne preterlasis la rendevuon. Je la tago kaj horo diritaj, mi estis enkondukita ĉe sinjoroj kaj la trioblo da sinjorinoj en la grandega halo de l'Holborn restoracio. Oni sidigis min ĉe la tablo de la invititoj Malproksime mi povis vidi Ada en nubo de ĥina krepo kaj ŝial indan patrinon tegitan per speco de grandega kiraso kiel majskarabo.

Je la sepa horo precize, nevidebla orkestro ludis himnon, poste malgrava sinjoro supreniris estradon kaj kriis : — « Sinjorinoj kaj sinjoroj, lasu min memorigi al vi ke vi ne forgesu maĉi almenaŭ tridek da fojojn ĉiun peceton. Unu fojon po ĉiu natura dento. »

La manĝado komenciĝis ; ĝi estis neordinara. Tiu tuta amaso, maĉante kun religia graveco, religie kalkulante la movojn de la makzeloj, haltante en paŭzoj por solene meditadi, tio estis bela ekzemplo de la brita fervoro kiu ne konas mapravan honton. Junulinoj kun anĝela vizaĝo, maljunaj mastrinoj sovaĝaj aŭ malspritaj, severaj sinjoroj kalkulis, rekalkulis, ritmis energie sian maĉadon. Kaj mi, sentante, ke min observas la patrino de Ada, mi maĉis ĝis malespero, ĝis deliro, mi mordis ĝis centfoje senkulpan tomaton.

La vespermanĝo finiĝis. La orkestro reludis himnon. Voĉoj kantis :

Kristo kalkulas siajn ŝafinojn.
Li ne forgesas unu el ili !

Poste, denove, supreniris la estradon sinjoro — longa kapo de maljuna ĉevalo kun fortegaj trancedento. Lia voĉo laŭtiĝis, dolĉa kaj pastra : — « Karaj amikoj, jen la oka memorigo jarfesto de nia Asocio — de nia Asocio ĉiam pligrandiĝanta por la prosperado de l'malnova Brita imperio. Ni havas milojn da anoj ; tri cent da estas sinjorinoj. La Sinjoro estas kun ni. »

Huraj aŭdiĝis.

« Ni komencu, sinjorinoj kaj sinjoroj, kriante tri aplaŭdojn por la filioj de la Asocio kiuj festas en tiu ĉi sama horo la memorigan jarfeston en la antaŭurboj de Londono kaj en la ĉefaj urboj de la regolando. »

Hip ! hip ! hip ! Hura !

« Ni danku Dion pro la videbla protektado kiun li donas al ni. (Aŭskultu ! aŭskultu !) Kaj ni provante rebonigi la Britan rason en ĝian tro rapide laboron? Ni ne plenumas pian laboron ? Ni ne plenumas nian devon ? Ni ne marŝas laŭ la vojo de l'Sinjoro ? (Aŭskultu !...) Oni povas, oni devas ripeti tion : la kutimo manĝi tro rapide naskas malsanojn, antaŭtempe plugas la homon kaj la stomakon. Tridek-du dentojn oni donacis al ni por ke ni maĉu pacience...por ke ni mordu almenaŭ tridek-du fojojn ĉiun peceton (Aŭskultu !...) Ĝi estas ĝuste la nombro de Sro Gladstone. Tiu ĉi glora ŝtathomo ŝuldas sian fortikan longan vivon al kutimoj de regula maĉado... kaj li mem fiksis tiun nombron tiel racian : tridek-du, al kiu li ĉiam estis fidela... Kaj vidu la mirindajn rezultatojn : okdekjara, la granda „ Old man " dejetas kverkojn en la arbaro ; okdekjara, li parolas dum kvar horoj al la amaso !... Legu, cetere, legu tiun libron de atestoj, kiun mi tuj pasigos al vi... kaj vi, amikoj, invititoj, sonĝu pri tiuj superoj devenantaj de la ruinigo de l'stomako, pri tiuj mizeroj korpaj kaj moralaj, kiuj rezultas de ĝi... Al tiuj, kiuj sentas kapturniĝojn, naŭzojn, malsanetojn, mi diras : « Maĉu viajn manĝaĵojn ! » Al tiuj, kiuj suferas pro la galo, pro sufokadoj, pro intestaj malsanoj, mi krias : « Maĉu vian manĝaĵojn !... » Al tiuj, kiujn la vivo tedas, kiujn kaptis podagroj, kapdoloroj, svenoj, nervaj malfortikeco, mi ripetas energie : « Maĉu... maĉu viajn manĝaĵojn ! ... » (Hura ! ... Aŭskultu !) Tion mi ripetas eĉ al tiuj, kiuj estas bonfartaj, ke ili evitos la malsobrecon, kiu estas peko kontraŭ si mem kaj kontraŭ Dio !... La homo kiu maĉas siajn manĝaĵojn nature estas homo sobra, homo kiu evitas la okazojn peki... li pli inklinas al la vivo kaj al la pieco... li pli facile obeas la Diajn ordonojn !... Vere mi diras al vi, venu ĉiuj... tie ĉi trovos fratojn, amikojn, kiuj helpos vin per la forto de la ekzemplo... kiuj eltiros vin el la abismo ! »

Mi komprenis ke la momento estis alveninta, en kiu estis necese venki la ridemon aŭ forlasi Ada. Mi betis starigis, mi etendis la manojn kriante kun speco de sankta furiozeco : — « Mi volas esti via... mi volas resaniĝi !... mi volas vivi ! »

Freneza aplaŭdado laŭtiĝis, naztukoj sviniĝis ; la parolinta sinjoro ekkriis : — « Ĉu vi firme tenos la standardon ?... »

— « Mi tenos ĝin ! »

Oni ĉirkaŭis min, oni gratulis min, oni « shakehandis » min, kaj ĉe la unua vico la patrino de mia amatino antaŭeniris kun sia grandega skarabkiraso, kortuŝite skuadis mian fingron, dum Ada ridetis petoleme.

Jen kiel mi gajnis la manon de la riĉa heredantino de Ebenezer Lamb, de la firmo Lamb, Lamb and Fletcher, kaj, depost, mi komprenis la profundan sencon, la sencon simbolan de tiuj britaj asocioj, kiujn oni tiel mokas sur la kontinento.

*El franca lingvo tradukis.*
G. STROELE.

Korespondantoj :

Anglujo : Sro Southcombe, 16, Standford avenue, Brighton.
Danujo : Sino G. Monster, TR. B. Osterbragade Kopenhago.
Bulgarujo : Sro Goĉo, Maŝinisto v/ŝ Nadejda, Varna.
Germanujo : Sro Mybs, 68, Marktstrasse, Altona a E.
Finlando : Sro Emilo Elenius, Suursasri.
Rusujo ; Sro Cernoĥvostov, Petersburgo, V.O , Malij pr 40 loĝ 25.

Petu informojn de via samlanda korespondanto

*Grava novaĵo.* — Kuraĝiga fakto por niaj samcelantoj : Nia kunlaboranto Sro Hedde sukcessis decidi la Vic-AdmiralonBayle por ke li akceptu la Honoran prezidon de la Franca Sekcio de E. M. L.

# ANONCETOJ

## TARIFO

*Korespondado.* — Ciu enskribiĝo kostas 30 spesdekojn (fr. 0.75 ; 7 d. ; m. 0.60). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. La literoj P I. montras la korespondadon per poŝtkartoj ilustritaj ; la litero L. montras korespondadon per leteroj ; la literoj P M. montras interŝanĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage sian nomon unufoje.

*Petoj kaj proponoj.*— Ciu linio (40 literoj) kostas 10 spesdekojn ( fr. 0 25 ; 5 d. ; m. 0.20). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

*Komercaj reklamoj* — Ciu linio (40 literoj) kostas 16 spesdekojn (fr. 0.40 4 d. ; m. 0.32). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj Niaj abonantoj (speciale la hoteloj esperantistaj) rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

NOTO. — Oni sendu ĉian anonceton antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, ĉu al nia administrejo, ĉu al niaj lokaj agentoj aŭ al la Esperanto-Oficejoj. Oni skribu kiel eble plej legeble. Oni povas pagi per poŝtmandato, poŝtkuponoj internaciaj aŭ poŝtmarkoj. Ciu anonceto, ne akompanata de monsendo, ne estos enpresata. La Esperanto-Oficejoj estas petataj elmeti ĉiufoje niajn anoncetojn ĉe sia afiŝejo.

✱✱✱

## Korespondado

*Barcelona-Gracia* (Hispanujo). — S-ro A. Espina, Calle Mayor, 100 pral., PI. ; S-ro Jose Cicera, Calle Mayor, 53. PI.
*Roŝiorj-Ilfov* (Rumanujo). — S-ro Miĥaj Timuŝ, instruisto. PI.
*Stupno* ( Bohemujo - Aŭstrio ). — S-ro Vád. Jeniček, instruisto. PI.
*Chartres* (Francujo). — S-ro G. Pothier, 4, rue Lisses. PI.
*Praha. VII* (Bohemujo-Aŭstrio).— S-ro J. Holý, Kamenicka, 626 PI. PM.
*Leal* (Estonio-Rusujo). — S-ro G. Kümmel. PI.
*Aïdin* (Azia-Turkujo). — S-ro Sourin Artinian. PI. PM.
*Brno* ( Moravio - Aŭstrio ). — S-ro A. Kroupa, rev. st. dráhy. PI.
*Bukareŝto* (Rumanujo). — S-ro J. Eisenstein, bankoficisto. Str. Udrikani, 19. PK. L.
*Roanne* (Loire-Francujo). — F-ino Blanc, 4, place du Marché. PI.
*Frankfurt-a/-M.* (Germanujo). — S-ro J. O. Storey, Kalbüchergasse, 10-II. PK L.
*Arras* (Francujo). — S-ro Normand kaj S-ro Morrillez, Ecole Normale. PI.
*Courbevoie* (Francujo). -- S-ro A. J. Laporte, Hotelo Decorps, 50, Avenue Marceau. PI.

## Petoj & proponoj

**Grava alvoko**. — Aranĝonte en junio 1908 *unuan en Polujo* esp. ekspozicion, ni petas insiste ĉiujn esp. klubojn, redakciojn, firmoj, k. t. p., helpi nin per alsendo de libroj, broŝuroj, gazetoj, dokumentoj, komercaj prezaroj, k. t. p. Societo « Esperanto » en Lvovo (Lemberg). Galicio-Aŭstrio.

**Al ĉiuj Esperantistoj**. — Jam longe, mi okupiĝas per kolektado de dokumentoj pri la evoulcio de la helplingva demando. Mi deziras verki pri tio esp. verkon, priparolante la demandon bibliografie kaj filologie Mi bezonas havi kelke da mankantaj verkoj kaj mi treege petas mian helpeman samideanaron por jena helpo : 1. Donaco de verkoj, libroj, revuoj, artikoloj, kiuj rilatas al la supra temo aŭ al pasigrafio — 2 Serĉo kaj sciigo de la titoloj. aŭtoroj, prezoj de la trovitaj verkoj. — 3 Donado de adresoj de vivantaj malnovaj Volapükistoj. — Kun antaŭdanko, A. de Marich, Üllöi-ut, 59, Budapest. IX.

**Bohemoj**. — Ed. Kühnl : Uplná methodická učebnice Esperanta pro samouky a kursy se slovníčken, a gramatyckým prěhledem. Skribu al redakcio de Casopis Ceskych Esperantistu (Jaro IIa, abono 3 k ). Praha II - 2014.

**Esperanto Informejo por Junuloj**. Gratz-Aŭstrio. Landhausgasse 3/3) — Tiu informejo donas al junaj Esperantistoj ĉiujn informojn pri Esperanta movado, gazetaro, literaturo, k. t p. Ni kolektas adresojn de junaj Esperantistoj el la tuta mondo por reciproka korespondado kaj amikeco. Tial oni sendu al ni ĉiujn adresojn de junaj Esperantistoj, kiuj volas korespondi en Esperanto. Ni eldonas monatan liston da plej adresoj de junuloj ; tiuj listoj estas riceveblaj kontraŭ senditaj poŝtmarkoj. Kiu volas aliĝi al la unuiĝo « *Junaj Esperantistoj* » (laborcentro Gratz) sendu jarkotizaĵon da 50 Sd. ; tiam li ricevos monate la plej novan adresliston. Se junulaj kluboj volas aliĝi kiel korespondanta membro, ili sendu kotizaĵon da 1 Sm., kaj ili ricevos monate tiom da adreslistoj, kiom da anoj ili havas. — Ni ankaŭ dissendas bele faritajn Esperantajn markojn, 100 p. por nur 20 Sd., kontraŭ markoj aŭ respondkuponoj. Por ĉiuj informoj, skribu al la supra adreso (poŝtmarkoj por la respondo).

**Informoj**. — *Hradec-Králove* (Bohemujo-Aŭstrio) – Esperanto-Oficejo ĉe S-ro Krupla, ŝtofkomercisto. Informoj pri komerco, turismo kaj historio. (Batalejo dum milito prusa-aŭstra 1866).

**Kontraŭtabako**. — La *Kontraŭtabaksocieto* « Alfa » Eakersbergsgade, 38, Kopenhag (Danujo) : Anoj korespondas kun samideanoj.

**Adresaro**. — Oni petas insiste ĉiujn Esperantistojn, kiuj kolektas vidaĵkartojn, sendi per ilustr. poŝtkarto sian adreson al S-ro Leon Rosenstock. Crocovie (Aŭstrio), 1, rue de Lubicz. Iliaj nomoj estos publikigitaj en la baldaŭ aperonta Adresaro de poŝtkartkolektantoj. *Oni skribu plej legeble.*

**Riprezentantoj**. — S-ro Ch. Schriewer, Esperanto-Konsulo, Moresnet-neutre, riprezentas ĉiuspecajn esperantaĵojn.

**Senpage** ricevos la belan prospekton de la Esperantista vilaĝo *ĉiu* samideano, kiu sendos al mi la poŝtpagon per Internacia Respondkupono. D-ro Schramm, Ständehaus, Dresden (Germanujo).

**Ekspozicio**. — La grupo de Marseille intencante aranĝi malgrandan esperantan elmontraĵon en la Instruada sekcio de la tiea Internacia Elektra Ekspozicio, danke ricevus, antaŭ la fino de Majo, de la fremdaj grupoj kaj eldonistoj, kelkajn esperantaĵojn, nome : poŝtkartojn esperante skribitajn, jurnalojn, librojn, k. t. p. Adreso : Esperantista Grupo, 52, rue Paradis, Marseille (Francujo).

**Kristanaj Unuiĝoj de junaj viroj**. — *Grava afero.* — Membroj de « Kristanaj unuiĝoj de junaj viroj » sendu bonvole sian adreson al S-ro P. Hübner, inĝeniero, Fr. Wilhem-str., 66, Mühlheim-a-Rhein (Germanujo).

**Poŝtkartoj**. — Sendu 80 spesdekojn al S-ro Pion. Sté Générale, Beaune (Côte-d'Or, Francujo) kaj vi ricevos belan kolekton da 13 ilust. Kartoj Esp. de Beaune.

## Komercaj reklamoj

**Al Komercistoj**. — Francaj komercistoj kaj hotelistoj mendu kontraŭ 1,85 fr. poŝtpakaĵon, enhavanta 5 bonegajn fromaĝojn ESPERO. Ferme Deroubai, Taillette p/Rocroi (Belgujo).

**Fromaĝoj** — E. E Langerak, fromaĝkomerco, Oudewater (Holando), liveras primajn holandajn fromaĝetojn po 40 Sd. Funto, je repago (ne fabrika fromaĝo).

**Reklamo**, — S-ro C.-A.-G. Browne, reklamagento, 53-54, Wych-Street, London, W C (Anglujo). deziras korespondi kun Esperantistoj pri anoncado en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

**Rozarbetoj**. — S-ro Philibert Moussier rozkulturisto, Vienne (Isère, Francujo) kiel reklamon, sendos al la esperantistoj poŝtan paketon da 3 kg enhavanta de 10 ĝis 15 belegaj diversaĵoj de *Rozarbetoj* ; po poŝtmandato da 5 frankoj (2 Sm). Kesto de l'transporte plie.

**Kaprinoj**. — Samideanoj ! Eble estus iu el samideanoj el Germanujo aŭ Aŭstrujo tiel ĝentila sciigi min, kie mi povus aĉeti kaprinojn de bona lakta raso. Antaŭan dankon ! Karol Mikoi, lernejestro, Tuligtowy p. Pruchnik ( Galicio-Aŭstrujo).

**Komerco**.— Agento por eksporto kaj importo. Hjälm Baäckström, Postbox 237, Stockhlolm (Svedujo).

**Fiancinoj esperantistaj**. — Aĉetu viajn litoblankaĵojn en tolo kaj kotono, servietajn tablotukojn, k. t. p , ĉe via samideano Jakobo Wyler, Zurich (Svisujo), Schützengasse, 9. Belaj, bonaj kvalitoj ; moderaj prezoj ; postulu specimenon aŭ viziton.









FELIETONO DE " ESPERANTO " 5

# LA LIBRO DE ESTER

**Originale verkis**

**A. KOFMAN**

Kiam la astrologoj forestiĝis, Haman iris al sia edzino Zereŝ kaj rakontis al ŝi pri la decido. Si aprobis ĝin kaj demandis, kian specon de morto li decidis por Mordeĥaj. Li respondis : fajro, glavo, akvo aŭ ŝtonoj. Sed Zereŝ, kiu konis la historion de la hebreoj, diris :

— Ne apliku al ili la fajron, ĉar liaj parencoj Hananjo, Miŝoel kaj Azarijo, saviĝis el flamanta forno : la fajro timis ilin. Per glavo ci ankaŭ ne mortigos lin, ĉar Jehovo tion ĉi ne permesos pro danko al Abraham, kiu estis preta tranĉi la gorĝon de sia filo. Provi lin dronigi estus senutile, ĉar Moiso saviĝis en sia knabeco per la akvo kaj poste li savis per ĝi ĉiujn hebreojn, transigînte ilin trans la Ruĝa Maro ; la akvo fluis al ili eĉ de dezertaj ŝtonoj, kaj Jonaso promenis sendanĝere en la interno de la Oceano. Evitu lin ankaŭ ŝtonmortigi, ĉar la ŝtono helpis al David mortigi Goliaton. Ci pretigu por li pendiĝilo : per tio ĉi la hebreoj ankoraŭ ne estis provitaj.

IV

La sekvintan tagon Haman iris al la reĝo por komuniki al li la pereigan planon. Apud la pordego de la palaco li denove renkontis Mordeĥajon, kiu ne genufleksis antaŭ li. La malbona Haman ne povis deteniĝi kaj diris :

— Aŭdu, Mordeĥaj ! Mi baldaŭ faros finon al ci kaj al cia popolo. Mi ne estos simile la malsaĝa faraono, kiu mortigis la knabojn. Ne ! Mi ne lasos vivi eĉ la virinojn, ĉar ili povas naski hebreetojn. Mi mortigos ĉiujn virojn, virinojn kaj infanojn. Mi estas bona pogromisto, kaj cia popolo malaperos de la mondo.

Mordeĥaj rememoris la promeson de Jehovo konservi je eterne la elektitan popolon kaj respondis :

— Aŭdu, Haman ! Esaŭ, la filo de Isaak, diris : « Kain estis malsaĝulo, mortigînte Abelon dum la vivo de la patro, ĉar li ne antaŭvidis ke Adam ankoraŭ havos infanojn de Evo, kiuj heredos Adamon. Sed mi, Esaŭ, mi atendos la momenton de mia patra morto kaj poste mortigos Jakobon ! » La faraono diris : « Esaŭ, kiu volis mortigi Jakobon, estis malsaĝulo, atendante la morto de sia patro Isaak kaj ne sciante ke Jakobo, antaŭ la morto de Isaak, ricevos infanojn, kiuj havos la heredrajton de sia patro. Sed mi, faraono, mi mortigos ĉiujn knabojn tuj, kiam ili naskiĝos. « Nun ci, Haman, diras : « La faraono estis malsa- « ĝulo, lasinte vivi la virinojn, kiuj povis « naski. Sed mi, Haman, ni mortigos la « patrojn, la patrinojn, la infanojn, neniu « restos. » Aŭdu, Haman ! En la posta tempo, kiam venos cia similulo Gog de Magog, li diros : « Kain, Esaŭ. la faraono kaj Haman, ĉiuj estis malsaĝuloj, volinte ekstermi popolon, favorantan de Johovo, ne sciante ke Dio volas ĝin konservi. Sed mi Gog de Magog, mi batalos kun Jehovo mem ! »

Aŭdinte tion ĉi, Haman ruĝiĝis de kolero, iris al la reĝo kaj diris :

— Reĝo Ahaŝveroŝ, saluton al ci ! Vosto de bovino kaj spiro de hundo, saluton al ci ! En la nomo de la birdoj, kiuj manĝas la kadavrojn de la mortintaj persoj sur la montoj, aŭskultu min ! Estas popolo, distrita inter ĉiuj nacioj kaj en ĉiuj provincoj de cia regno kaj tamen ĝi teniĝas flanke de ĉiuj aliaj. Tiu ĉi popolo havas apartan religion, ne similan al la kredo de aliaj, kaj estimas nenian alian religion ekster sia propra.

— Ĉu vere ekzistas tiaj fripanoj ? — demandis Ahaŝveroŝ kun miro.

— Jes, ho kornoj de bovo ! Ĉiun sepan tagon ili nomas sabato, kaj tiam ili multe preĝas sian dion, kiun neniu vidis, kiun ili mem neniam vidis. Ĉiun monaton ili festas la novlunon, kaj iliaj virinoj iras baniĝi, malpurigante la akvon.

— Ĉu vere ekzistas tiaj sentaŭguloj ?

— Jes, ho kresto de koko ! Dum la Pasko ili manĝas pastelojn kaj ĝojas esti forkurintaj el la Egipta kaptejo. En la monato Tiŝri ili blovas kornon de bovo kaj petas sian dion. ke li pardonu al ili la pekojn. Al siaj filoj ili fortranĉas la prepucojn. Nebukadnecar ruinigis ilian regnon, kaj tamen ili ĉiam esperas rehavi ĝin.

— Kia teruro ! Ĉu vere ekzistas tiaj monstroj ?

— Jes, ho amiko de vulturoj ! Ili ne donas al ni siajn filinojn por niaj filoj, kaj ili siavice ne prenas niajn filinojn. Kiam ni volas aĉeti de ili infanon, ili diras : tio ĉi estas vendebla, kaj kiam ili volas ion havi de ni, ili demandas : ĉu tio ĉi estas aĉetebla ? Matene ili diras : ni devas preĝi, tage ili diras : ni bezonas manĝi, vespere ili diras : ni iras dormi, kaj inter la preĝo, manĝo kaj dormo oni neniam povas ilin trovi, ĉar ili faras aferojn.

— Ĉu vere ekzistas tiaj barbaroj ?

— Jes, ho protektanto de hundoj ! Ĉiun kvindekan jaron ili nomas jubilea jaro, kaj ĉiun dekdu monatojn simpla jaro. Vintre ili baniĝas en varma akvo, somere en malvarma. Kaj tiu ĉi popolo, divenu kiel ĝi nomiĝas ? Ĝi nomiĝas judoj, hebreoj !

— Terure !

— Tial, la reĝo, se ci trovas ke tiu ĉi popolo estas terura por la religio, por la regno kaj por la moroj, ordonu ke oni ekstermu ĝin.

La reĝo Haman balancis la kapon kaj diris :

— Faru ĝin, mi petas !

La dektrian tagon de la unua monato Nisan Haman kolektis la skribistojn de la reĝo, en la nombro de 127, kiuj skribis cirkulerojn al la satrapoj de ĉiu provinco kaj al la ĉefoj de ĉiu popolo de Persujo, al ĉiu provinco laŭ ĝia skribmaniero, al ĉiu popolo laŭ ĝia lingvo. Cio estis skribita de la nomo de la reĝo kaj sigelita de lia ringo. La enhavo de la cirkuleroj estis la sekvanta : « De la reĝo de la reĝoj Ahaŝveroŝ, perlo de la mondo, suno de la tero, apogeo de la modesteco. Manifesto al la fidelaj satrapoj kaj obeamaj popoloj. Al mi venis homo, kiu donis al mi konsilon por fortigi mian landon kaj feliĉigi miajn regatojn. La konsilo estas bona, kaj ĝia plenumo nenion kostas al mi. Tiu ĉi bona homo estas Haman. Li deziras puran bagatelon : mortigi la hebreojn. Mi decidis fari tion ĉi por ke la tuta mondo povu vidi ke mi ne lasas min longe peti. La difinitaj tagoj, la 14an kaj 15an de Adar, vi devas mortigi ĉiujn hebreojn, iliajn edzinojn kaj infanojn. Kiu scias pafi per arko, tiu pafu. Kiu scias manovri la glavon, manovru ĝin. Kiu scias pogromi alimaniere, estu iliaj heredantoj. — Skribita kaj sigelita en la palaco de Suŝan, la 13an de Nisan, »

(*Daŭrigota*).